ESPERANTO-AGADO *de Esperantistoj en* MARTIN KAJ JIHLAVA




*FELIĈON*

*KAJ PACON*

*EN LA NOVA JARO*

**Samideanoj Václav Tyráček el Jihlava kaj D-ro Ludoviko Izák el Martin vizitis samideanon Martin Benka, nacian artiston, portanton de Ordeno de la Respubliko, por saluti lin kaj transdoni al li la bondeziroja de la esperantistaro. Samtempe ili petis lin, ke li diru ion por ESPERANTO-AGADO. Jen lia mesaĝo.**

La homaro senĉese progresas, precipe en la nuntempo. Tial milionoj da laboruloj postulas la forigon de la militoj kaj la enkondukon de daŭra tutmonda paco. En ĉiuj nacioj la patrinoj, konsciante siajn povon, nemezureblan amon kaj oferemon, ne plu volas allasi, ke ripetiĝu la militoj, kiuj kripligadus, ja eĉ mortigadus iliajn infanojn, edzojn kaj gepatrojn; ke homamasoj estu turmentataj en koncentrejoj per malsato, punlaboroj kaj humiliga traktado, nekonformiĝantaj al la homaj digno kaj kulturo. La infanoj, la junularo kaj la plenkreskuloj en la tuta mondo malhelpos, ke militoj detruadu ĉion, kion la homaro dum longa tempo konstruis kaj kreis sur la kampoj de sciencoj kaj artoj. La celo de la nuntempo estas estingi la danĝeran militfajreron jam dum ĝia naskiĝo kaj forpeli la egoistojn, kiuj volas sin riĉiĝadi ĝuste pere de militoj. La nuntempo postulas, ke anstataŭ bariloj de Morto — kun tristaj tomboŝtonoj — ĉie elkresku ĝardenoj kaj parkoj de Vivo, plibeligitaj per floroj de ĝojo kiel plej konvinkigaj pruvoj de la alta kulturnivelo, kiun atingis la homaro, leviĝinta el la bestaj krueleco kaj barbareco.

M.B.

E-RONDETO EN MARTIN elsendis en julio du gejunulojn al la Internacia Pionira Tendaro en Katowice, Pollando. La rondeto prizorgis la tradukon de la broŝuro "100 jaroj de Matica Slovenská" kaj komence de aŭgusto dissendis ĝin al multaj en- kaj eksterlandaj gesamideanoj.

ESPERANTO-RONDETO ĉe Regiona Kleriga Domo en Košice kunvokis fine de julio regionan kunvenon de la delegitoj de Esperanto-rondetoj en Orientslovakia Regiono. Ĉeestis ankaŭ D-ro Jermář, prezidanto de ĈSEK kaj k-dino Škrábková, la nova referantino de la Kleriga Instituto en Praha por E-rondetoj kaj D-ro L.Izák, membro de ĈSEK, el Martin.

GOJIGA SCIIGO EL ŽILINA. La Esperanto-rondeto en Žilina /Mezslovaka Regiono/ fine trovis definitivan kaj indan sidejon en la Domo de Sindikatoj /Dom odborov/ Žilina-Hliny. Ĝi do ne plu funkcias ĉe la Domo de Pioniroj kaj Junularo,kie ĝi restigis bonan rememoron, ĉar laŭ la eldiro de la estro la Esperanto-rondeto estis la plej bona el inter ĉiuj interesrondetoj. Tial estis elektitaj 5 plej diligentaj gepioniroj - anoj de la rondeto,kiuj povis senpage partopreni du-tagan ekskurson al la valbaraĵo de Orava okaze de la ekfunkciigo de la nova pionirŝipo "Iskra" /Fajrero/. - Ses geanoj de la rondeto partoprenis la Someran Esperanto-Tendaron en la moravia urbo Lančov.

EN NITRA /Okcidentslovakia Regiono/ estis fondita en aŭgusto nova Esperanto-rondeto.

PRI ESPERANTO EN STENOGRAFIAJ LERNOLIBROJ. Slovaka stenografio estas jam dum multaj jaroj instruata en ekonomiaj lernejoj kaj en kursoj laŭ la lernolibro de J. Mistrík. En 1962 aperis jam la 7-a eldono de lia "Stenografia II.". Sur pĝ. 152-3 ni trovas du diktaĵojn pri Esperanto, la dua estas pro ekzercaj kaŭzoj modifo de la unua. Tiel estas ĉiuj studentoj de stenografio en Slovakio informataj pri lingvo Esperanto. - Nuntempe ni konas kvar aŭtorojn de nacilingvaj stenografiaj lernolibroj, kiuj estas esperantistoj kaj atentigas pri Esperanto en siaj verkoj: Akademiano Delfí Dalmau en Barcelono /Hispanio/, Olga S. Aleksandrova en Kišinev /USSR/, D-ro Aurel Boia, Bukureŝto /Rumanio/ kaj la jam menciita s-ano Jozefo Mistrík. /Ad. Stanura, Ostrava/

KNIHA, PRAHA 1, Václavské nám. 42, eldonis en septembro 1963 novan informilon pri Esperantaj libroj el la socialismaj landoj, kiujn ĝi vendas. Inter la novaĵoj ni menciu la novelaron "Koloroj" de Julio Baghy, eldonitan en Pollando.

LA 49-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO okazos komence de aŭgusto 1964 en Hago,Nederlando.

LA 50-a JUBILEA UEK okazos komence de aŭgusto 1965 en Tokio. UEA en Rotterdamo, Nederlando, eldonis aliĝilojn, validajn ĝis fino de 1963 kaj por kotizoj pagotaj al Rotterdamo.

ATENTU ! NUR POR FORTEGAJ NERVOJ !!

Ĉu ankaŭ vi specifikas pro klasikaj poŝtmarkoj diligente lavitaj ?

Se nuntempe aperas en iu oficiala publikaĵo ankaŭ Esperanto, ĝi estas granda okazaĵo kaj ĝi devus kaŭzi ĝojegon en niaj verdaj vicoj. Kun tia antaŭĝojo mi prenis en la manojn la libron "Cizojazyčná korespondence pro filatelisty - česká, ruská, německá, francouzská, anglická, italská, španělská, maďarská, esperantská" de d-ro Pavel Kucharský. Eldonis Nakladatelství dopravy a spojů, Praha, 1962. 226 pĝ, Kčs 7,--. Sed anstataŭ ĝojo mi eksentis seniluziiĝon de plej alta grado. Esperanto estas en tiu ĉi libro rangigita egalrajta kun ok aliaj lingvoj /absolute ne gravas, ke ĝi estas vicigita kiel la lasta/, sed la Esperanto en tiu ĉi libro estas tiel puninde fuŝa,ke mi ne povas kompreni, kiel la aŭtoro povis kuraĝi liveri tian "laboron" sen antaŭe interkonsiliĝi kun fakulo aŭ almenaŭ lingva spertulo. Ĉar se li estus tion farinta, ne povus enesti tiom da malkorektaĵoj gramatikaj,leksikaj kaj stilaj. Mi povas diri, ke almenaŭ unu triono de la esprimoj en la vortaro estas malkorekta. La simplaj vortoj /leono, urbo, bone, blua ktp./ estas korektaj, sed la aliaj malkorektaj, ja iuj tute absurdaj. Specimene mi citas:

Hlavní - en la libro: kapa - korekte: ĉefa. Jednotlivé známky - poŝtmarkoj separitaj = unuopaj poŝtmarkoj. V hotovosti /platit/ - prete /pagi/ = kontante /pagi/. Citlivý, choulostivý, nestálý /o barvě/ - sentimenta = malfiksa. Kolek - ŝtata imposta etiketo = impostmarko. Polní pošta - kampa poŝto = milita poŝto. Obrácený - turnita = renversita. Odstín barvy - vario de la kolortono = kolornuanco. Křížem pruhovaný - kun la strioj per la kruco = kruc/igit/e striita. Pečeť, razítko - stampo, stampado = stampilo. Hvězda pěticípá - astro kun kvin anguloj = kvinpinta stelo. Pohledy na město - rigardoj de la urbo = vidaĵoj pri la urbo, ktp., ktp.

Ke la aŭtoro ne konas la diferencon inter preso kaj presaĵo, centrigi kaj centraligi, situo kaj situacio, sendi kaj sendigi - kaj multaj aliaj vortoj, pri tio mi eĉ prefere ne parolu.

En la frazaro, en kiu du trionoj de la frazoj estas malkorektaj, estas troveblaj veraj "stilaj perloj": "Mi specifikas pro klasikaj poŝtmarkoj" volas signifi "Specializuji se na klasické známky". - "Mi prenas la permeson, ke mi atentigu vin al sekvanta cirkonstanco" volas esti "Rád bych Vás upozornil na tuto věc". -"Mi petas, sendigu, se ĝi ne portas al vi penadon" volas egali al "Prosím, pošlete, nečiní-li Vám to potíže". - "Iom da poŝtmarkoj ne estis diligente lavitaj" volas signifi "Některé známky nebyly pečlivě umyty". Ktp., ktp....

La specimenoj de leteroj ne estas multe pli bonaj.

Se vi legas la Esperantan parton de tiu ĉi publikaĵo, minacas al vi kreviĝo - aŭ pro ridego, aŭ pro kolerego /laŭ via humoro/. Tute kompreneble, ĉar ĝi estas abortaĵo, el kiu rezultas nur mispropagando por nia afero, kaj anstataŭ esti bona, fidinda helpilo, la libro estas io, kio minacas ridindigi la kredeman,precipe lingve malspertan uzanton. /Cetere,nek la alilingvaj partoj estas ia brila majstraĵo!/ Tial mi devas averti kontraŭ ĝi, kaj rekomendas skribi al la adreso: POFIS, Praha 1 - Staré město, Na příkopě 13, petante korekti la erarojn en eventuala dua eldono. /VeGa/



Altaj Tatroj - Gerlaĥ 2663 m

DANA REDAKTORO EN ĈEĤOSLOVAKIO

Johs. Vesterland-Andersen, dana redaktoro, esperantisto kaj folkloristo, partoprenis la solenaĵojn okaze de la 100-a datreveno de Matica Slovenská en Martin. Li vizitis la bildgalerion de s-ano Martin Benka. La vizito en la Slovaka Nacia Muzeo impresis lin tiagrade, ke li ĝin ripetis. Dum la ripetita vizito, daŭranta tutan antaŭtagmezon, akompanis lin faka gvidistino. La direkcio de SNM veturigis lin al Paludza kaj al Štrbské Pleso. Interalie li nun skribas: "Martin estis por mi travivaĵo, kiun mi neniam forgesos, kaj poste mi sendos artikoleton por via cetere lerte redaktata bulteno. Post Martin mi vizitis admirindan lignan preĝejon en Paludza kaj la grotojn de Demänová. Ili estas vere, vere mirindaj. Iliaj belecoj, laŭ mi, superas eĉ tiujn de Postojna-grotoj en Slovenio. Kaj post traveturado en bela pejzaĝo mi atingis Altajn Tatrojn - la paradizon de Slovakio. Mi havis feliĉon multe vojaĝi en diversaj landoj, sed ĝis nun mi neniam renkontis tiom da bonkoreco kiel ĉe miaj tre karaj gastigantoj en Nové Štrbské Pleso. Kiel mi ĝuis la restadon tie! Kiel belaj estis niaj ekskursoj en la montaro! Kaj kiel mirinda estis la vetero!

Jaŭde mi forlasis Altajn Tatrojn kaj nokte vojaĝis al Praha. En la ĉefurbo - la plej bela ĉefurbo en centra Europo - mi restis kvin tagojn. Mi vizitis muzeojn kaj arkivojn kaj akiris multan interesan materialon. ČEDOK invitis min al la tuttaga ekskurso en la ĉirkaŭaĵon de Praha. Oni donis tre simpatian studenton kiel tradukiston por mi. Unu vesperon mi vizitis la Esperanto-Klubon en Praha. Mi loĝis en hotelo Central en la Malnova Urbo. De la balkono de mia ĉambro mi havis belan panoramon super la ora urbo. Mi vizitis studentajn restoraciojn kaj bieron mi ofte trinkis en la restoracio de Švejk.

Kun multaj, multaj impresoj kaj kun tre pezaj kofroj mi forlasis Prahan. Kaj de tie al Kopenhago mi havis tre agrablan vojaĝon."

---

LETERO EL DANLANDO

La plej multaj homoj havas unu aŭ plurajn ŝatokupojn; mia plej ŝatata estas folkloro - vasta tereno. Kaj ĉiam, kiam mi havas ŝancon viziti landon kun riĉa kaj floranta folkloro, mi kaptas ĝin. Tial mi vizitis Ĉeĥoslovakion paske 1961 por la unua fojo, kaj mi ĉeestis malnovajn paskajn tradiciojn en kelkaj vilaĝoj apud Strážnice. Ĉi tie ne estas loko por priskribi miajn tiamajn travivaĵojn. Sed mi decidis reveni al Ĉeĥoslovakio. Bona kaj oportuna okazo estis la 100-jara jubileo de Matica Slovenská okazinta en Martin - la metropolo de la slovaka kulturo. Dank' al grava helpo de anoj de Esperanto-grupo en Martin kaj de la muzeo en Martin mia restado en Slovakio fariĝis travivaĵo, kiun mi neniam forgesos. Mi nome ne nur havis la okazon vidi prezentojn de slovaka folkloro dum jubileaj solenaĵoj, sed mi ankaŭ ekkonis la ĉarman kaj bravan slovakan popolon, kies kultura evoluo tre bone speguliĝas en la lerte aranĝita Muzeo en Martin. Kian interesan kulturhistorion oni tie povas studi!

Post restado en Martin mi ekskursis tra pitoreskaj vilaĝoj en Slovakio, vizitis la fabele belajn grotojn de Demänová por fine veni al Altaj Tatroj. Mi venis el lando, kies plej alta "monto" mezuras malpli ol 200 m.! Eble pro tio montoj ĉiam allogis min. Grimpi en montoj estas tre saniga por homo kiel mi, kiu vivas en milionurbo kun ne tro pura aero. Mi vagis en montoj en diversaj partoj de Eŭropo; sed vere ŝajnas al mi, ke la plej belaj estas viaj Altaj Tatroj! Eble ankaŭ pro tio, ke la vetero estis paradize bela kaj ke mi renkontis simpatiajn kaj gastamajn homojn.

Mi ne kolektas poŝtmarkojn, sed mi kolektas belajn rememorojn. Ĉe vi en Slovakio mia kolekto tiurilate amplekse pligrandiĝis.

Koran dankon al ĉiuj kaj: ĝis revido!

Boks 136, Kopenhago K, Danlando
Johs. Vesterland-Andersen



## ESPERANTO-EKSPOZICIO EN JIHLAVA

ESPERANTO kaj UNESCO estis la titolo de la ekspozicio, kiu okazis ekde la 1-a ĝis la 15-a de sept. 1963 en Domo de Kulturo en Jihlava. Krom Unesco-afiŝoj en Esperanto kaj krom kolekto de infan-desegnaĵoj el la tuta mondo estis montritaj libroj, bildkartoj, gazetoj, prospektoj, lernolibroj kaj diversaj donacobjektoj. Pro granda sukceso, la ekspozicio estis plilongigita je unu semajno. La ekspozicion dum tri semajnoj vizitis 3.000 personoj, inter ili gastoj el Sovetunio, Nederlando, Bulgario kaj Orienta Germanio. Dum la ekspozicio aliĝis 30 interesuloj al E-kurso. kiu komenciĝis fine de septembro sub gvido de sperta instruistino D-rino Kopečková.




POLA RADIO VARSOVIO, eldonis koloran faldprospekton kun detalaj programoj de siaj Esperantaj disaŭdigoj de oktobro 1963 ĝis aprilo 1964.

RADIO ZAGREB en sia Esperanto-elsendo la 29-an de aŭgusto favore recenzis la broŝuron "100 jaroj de Matica Slovenská" kaj la almetitajn numerojn de nia Esperanto-Agado.

URBA TURISMA OFICEJO Ringen an Rhein, Okcidenta Germanio, volonte sendos al ĉiu Esperanta interesulo senpage belegan koloran faldprospekton pri la urbo.

DANK' AL ESPERANTO fariĝis konataj 50 bulgaraj poetoj pere de 240 tradukoj el iliaj verkoj. Apartaj verskolektoj de 5 poetoj atingis sep eldonojn. /Laŭ la artikolo "La bulgara poezio en Esperanto" de K. Karucin en Nuntempa Bulgario, julio 1963/.

de esperantistoj en psikiatria malsanulejo en Jihlava, kiuj komence de marto arangos letervesperon. Bonvolu skribi al adreso: Esperanto-Rondeto ĉe ZK ROH OÚNZ, JIHLAVA, Dlouhá stezka 1, Ĉeĥoslovakio.

JULIE ŠUPICHOVÁ 80-JARA. La 27-an de jan. 1964 ĝisvivos nia kara samideanino Julie Šupichová, Malá Štěpánská 6. PRAHA 2, siajn 80 jarojn. Jam de la 1907 ŝi senlace laboris por esperantista movado. Per siaj verkoj, prelegoj, instruadoj ktp. ŝi fariĝis konata en la tuta esperantista mondo. Kiel pensiita faka instruistino spite sia daŭra malsano ŝi donacis al ni verketon "Mi parolas Esperante" kiun ni aperigadis en AGADO dum du jaroj. Krome ŝi vigle korespondas kun ni kaj ŝiaj leteroj aŭ kartoj estas ĉiam plenaj de kuraĝigaj vortoj. Kara amikino Šupichová, akceptu de ni la plej plej varmegajn gratulojn okaze de via vivjubileo. -ĉek

### KORESPONDI DEZIRAS

Gelernantoj, komencantoj ĉiuj el SANTA FE, Argentino.

S-ino Yolanda D.M. de De La Puente /41-j./, Suipacha 3151

F-ino Lucia D'Elia /32-j/ str.San José 1968

S-ino Cristina P. Depalo de Roberts; Boul. Zavalla 4830

S-ro Alberto Manuel Fernández /16-j./; Av. Urqviza 2134

F-ino Maria Etelvina Tenuta; Av.Freyre 3046

S-ro Nestor Bachot /14-j./; Maipú 1661

F-ino Teresita Alvarez; Av. Urqviza 3716

S-ino Clotilde M.R.Gonzáles; 1-de Mayo 2257

F-ino Lilia Bartona; Gándido Pujato 2931

S-ro Prof. Dante Cattaneo; Castellanos 947

S-ino Huri P.E. de Fernández; Lavalle 3356

F-ino Juana Giacinti; Av. Urqviza 3677

F-ino Sara Iterman; Francia 1949

SESDEK geesperantistoj el Kiŝinev. Skribu al BORIS KOLKER, str. Ŝĉusev 23, KIŜINEV, USSR

LETERVESPERON fine de marto arangos vigla ESPERANTO-RONDETO ĉe Domo de Kulturo de ROH Tolstého 2, JIHLAVA, Ĉeĥoslovakio.

13- ĝis 17-jaraj lernantinoj serĉas gekorespondantojn. ESPERANTO-KURSO Liceo Mas de Tesse, Montpellier /Herault/, Francio.

8-jara denaska esperantistino interŝanĝus bildetojn, fabelojn kaj bildkartojn. Adreso: GRAZYNKA MIRSKA, Staszica 11/1, STAVACHOWICE Pollando

GODES ELLA,/26-j./ KRIVOJ ROG 27, USSR

SELITSKIJ NIKOLAJ VLADISLAVOVIČ, Čkalova 6, kv. 15, KRIVOJ ROG, USSR

PIMENOV EŬGENO,/15-j./, Parĥomenkova 66,kv. 11, VOLGOGRAD, USSR

LERNER MIĤAIL, Kirova 18, ĤMELNICKIJ,USSR

MARINA MAKAROVA, Mepzavod 2, Černiŝevskogo 90-7, SARATOV - 17, USSR

Inĝ. IVAN STEZEMKO,/22-j./ ĤARKOVO-24, USSR

JURIO MIKAELEVIČ ANISIMOV, /19-j./ Str. Gagarin, POLOCKO obl. Vitebska, USSR

ALFREDAS OTAS, poŝto VAIČAIČIAI, regiono Skuodas, Litova SSR, USSR

ESPERANTO-AGADO, metodologia helpilo XI-XII 1963
Redakcio: ESPERANTO, poŝtfako 80, MARTIN, Stredoslovenský kraj, Ĉeĥoslovakio
Administracio: ESPERANTO-GRUPO GRAFIA, JIHLAVA, Jihomoravský kraj, Ĉeĥoslovakio



Presis: GRAFIA, Libropresejo, JIHLAVA, Pov.MěstNV Jihlava-170-Vá-63-Q-17* 32536